## Esperanto-movado en Rumanio

La esp. movado en nia lando respegulas la evoluadon de la rumana demokracio mem. Ĝi ekfloris en 1907, tuj post la enmarŝo de nia lando en la epokon de liberalismo kaj industriiĝo. La tiamaj pioniroj de l' esperantismo sukcese laboregis por la disvastiĝo de la lingvo kaj progresema ideo Zamenhofa. Dank' al ili, la rumanaj kaj bulgaraj esperantistoj interrilatis kaj sukcesis eldoni komunan gazeton: „La Danubo".

La balkana milito en 1913 kaj la mondmilito 1914—1918 interrompis ilian agadon. En 1922 la esp. movado eniris gloran epokon propagandan, precipe per la kunlaborado de malnovaj samcelanoj el la teritorioj revenintaj al malnova reĝlando. Nia movado varbis tiam milojn kaj milojn da novaj kursanoj kaj la landajn kongresojn dum 5 sekvantaj jaroj, ĝis 1927, partoprenis ĉiam grandega amaso da entuziasmuloj. Post 1928, sub la influo de'l monda ekonomia krizo, la demokrata ĉielo rumana nubiĝis. Nenia kongreso plu povis okazi. La atmosfero fariĝis malfavora por ni: la movado komencis vegeti. La famaj rumanaj fervoraj propagandistoj, Pastro Andreo Ĉe, Tiberio Morariu, Praganu, Lucia Atias, Ionescu-Capatana, Gusta Solomonovici, unu post la alia forlasis patrolandon, alvokitaj al laboro eksterlanden, aŭ en internaciaj organizaĵoj. Kvankam ni, fervoraj restintaj samideanoj, laboradis en severa neŭtraleco, nia movado, kiel ĉia ajn progresema, internacia movado, estis malbone rigardata.

Kun la diktatoreca regado en nia lando, nia lingvo kaj ideo komencis esti konsiderata kiel kaŝita organizado de komunista partio. Kiam la teroro grandiĝis, nia prezidanto, H. Fiŝer-Galati, estis devinta forkuri en Cipromultaj samideadoj estis postsekvitaj. Ni nur kaŝe povis kunveni kaj la hejmo de bedaŭrinda estinta ĝenerala sektetario, H. Harabaĝiu, fariĝis amika ejo por la fervoraj malnovaj samcelanoj landaj kaj rifuĝintaj el eksterlando.

Post la historia dato de nia lando, la 23an de Aŭgusto 1944, la situacio tute ŝanĝiĝis. Tamen, pro ekonomiaj kaŭzoj, pro ankoraŭ malfavoraj cirkonstancoj, la movado ne povas ankoraŭ antaŭenmarŝi. Mankas la esp. junularo kaj novaj homoj, kiuj povus okupi la lokon de estintaj pioniroj. La malmultaj malnovaj samideanoj, kun grandaj streĉoj, — en cirkonstancoj malfavoraj, — spite mankon da monrimedoj kaj taŭga ejo, kunigis la malnovajn esperantistojn kaj grupojn, kaj kreis novajn en aliaj urboj.

Ni havas nun organizojn en 10 grandaj urboj, en 5 urbetoj kaj disaj grupetoj en diversaj vilaĝoj, — poste izoluloj kiuj laboras nun por fari lokajn organizojn.

Bedaŭrinde ni havas nenian apogon ŝtatan aŭ de ia entuziasmulo monhavanta — kiel iam. Ĉion kion ni faris ĝis nun, estis per la solaj streĉoj materiaj de sindonaj malnovaj samideanoj. Apogon moralan ni havis, koncerne ejon por kursoj, de la Eduka Ministrejo; liberiĝo de taksoj por propagandiloj, de la Financa Ministrejo; favoran rekomendon de Generala Labora Konfederacio por sindikatoj kaj ties organizoj.

En la tuta lando ni sukcesis lasttempe aranĝi nun proksimume 25 novajn kursojn. Sub nia gvidado estiĝis aparta Laborista Esperantista Grupo en la ĉefurbo.

Oni estus povinta fari en ĉi tiu mallonga tempo pli multon, sed pro manko de plimulte da sindonaj malnovaj esperantistoj, la tuta laboro sin apogas nur je kelkaj malnovaj fervoraj pioniroj. Ni klarigas eĉ ĉi tiun situacion per la fakto, ke ĉiuj niaj bonaj samideanoj estas ankaŭ en diversaj politikaj organizoj, kiuj postulas de ili la tutan liberan tempon. Ni ne devas forgesi, ke en nia lando ne ankoraŭ malaperis la restaĵoj de l'faŝismo, — ni devas ankoraŭ lukti kun mallumo — ni havas ankoraŭ ĉ 75% da analfabetoj — kaj la postsekvoj de la kontraŭdemokrataj kaj diktatorecaj registaroj. Neforgeseble estas, ke eĉ post la 23a de Aŭgusto, nia rondo havis denove perdon: la 24an de Februaro 1945 — je la ordono de tiama registaro — inter aliaj 9 viktimoj oni mortpafis ankaŭ unu el niaj bonaj malnovaj samcelanoj: Constantin Beu.

Ni faras nun la unuajn paŝojn en vera demokrata vivo, kiu plifaciligos nian esperplenan laboron. Ni atendas novajn balotojn — la unuajn post la liberiĝo de nia lando. Oni devas fari unue ĉiujn streĉojn, por ke la popola voĉdono dum aŭtuno estu sukceso de la vera demokracio. Ni ĉiuj kunhelpas al demokrata plugado de la rumana tero, kiu samtempe kreskebligos la esperantistan semaĵon.

Antaŭ vi, la reprezentantoj de ĉefaj balkanaj organizoj, la Rumana Esperantista Societo prezentas tiun raporton, por esti direktiĝilo je balkana esperantista kunlaborado.

Ni, la rumana delegitaro, havas la mandaton reveni hejmen kun la decido pri fondo de forta Balkana Esperantista Federacio.

Vivu la kunlaborado inter la balkanaj esperantistaj organizoj!

(El: Informilo de R.E.S.)

## S.A.T. EN DE NATIONALE TALEN.

In „Nederlanda Katholiko" is een polemiek gaande over het organisatieleven en het gebruik van Esperanto. Hieruit ontwaren wij, dat het bij onze katholieke medestrijders geen gewoonte is om Esperanto te spreken in hun bijeenkomsten en jaarvergaderingen. Een inzender, uit het goede hout gesneden en volbloed idealist, wraakt dit terecht. Inderdaad, als men niet in de gebruikelijke bijeenkomsten het tot een gewoonte maakt, mede ter beoefening, in het Esperanto te converseren, zal men nimmer geoefende en geroutineerde Esperantisten kweken. Want het is nog niet zó, dat van een intens internationaal verkeer van Esperantisten gesproken kan worden, behalve dan in de correspondentie — en dit wel zeer uitgebreid — en door middel van de Esperantopers en literatuur. Maar eerst het gesproken woord brengt de taal tot leven.

Wel vinden er geregeld, behoudens onderbreking door de oorlog, internationale congressen plaats en van tijd tot tijd heeft men de gelegenheid buitenlanders te ontmoeten of te horen. Men mene nochtans niet, dat zulks voldoende is om de nodige bekwaamheid op te doen in het hanteren en beluisteren van de taal.

Deze enkele opmerkingen moeten ons even van het hart, nademaal ons in een noot van den bondsvoorzitter van N.K. een onjuiste opmerking opvalt, welke tot legendevorming aanleiding kan geven en onze beweging tot schade zijn.

„Esperanto", zegt de N.K.-voorzitter, „is voor internationaal gebruik. Een zakelijke bijeenkomst houdt men algemeen in de nationale taal. Alleen *de aanhangers van S.A.T., die de verwijdering der nationale talen voorstaan,* spreken bij voorkeur steeds Esperanto. Wij doen dit tot heden, en juist met instemming van onze beste esperantisten, niet".

Met deze bewering wordt min of meer de inzender afgemaakt en bij de verkeerde soort esperantisten ingedeeld. Immers, alleen de aanhangers van S.A.T. spreken bij voorkeur steeds Esperanto. Maar die proberen dan ook hun moedertaal uit te bannen. Laat men toch zulke domme en schadelijke argumentatie achterwege laten, als ze niet bedoeld is om kwaad te spreken.

Alle officiële bijeenkomsten van onze F.L.E., zijn congressen, bondsraad- bestuursvergaderingen etc. worden gehouden in het Esperanto en wel van oudsher, toen er zelfs nog geen sprake was van een belangrijk aantal aanhangers van S.A.T. in onze beweging. Insgelijks is dat, in velerlei opzicht, het geval bij onze afdelingen en andere instanties. Dit heeft niets te maken met enige ideologie van S.A.T. of zijn aanhangers. Deze aanhang telt ten hoogste een derde van die van onze bond F.L.E. Ten opzichte van diens houding terzake het gebruiken van Esperanto hebben S.A.T.-anoj geen andere invloed, dan die der overige leden. Wij zouden in deze kunnen spreken van traditie en wel een goede traditie, welke ook bij anderen dan arbeiders-esperantisten leeft en in ere wordt gehouden. Ware dat niet zo, het Esperanto zou zich nimmer hebben verbreid.

Het op alle mogelijke wijzen in practijk brengen van Esperanto is de plicht van iederen Esperantist. Eerst wanneer Esperanto volledig de functie van internationale taal vervult, kan men zich daarvan ontslagen achten.

De theoretische vraag of dan de nationale talen zullen verdwijnen komt hier niet in het geding. Zij die hun moedertaal verleerd waren of deze nimmer goed hadden geleerd, hebben deze zelfs beter leren gebruiken door de kennis welke zij van Esperanto opdeden.

Met het feit, dat er aanhangers van S.A.T. zijn, die de wenselijkheid van de verdwijning der nationale talen beogen — daarover later nog eens — heeft het practisch gebruik van Esperanto op onze bijeenkomsten niet te maken.

Wij zijn het volkomen met den polemist in N.K. eens, dat wij geen prijs kunnen stellen op hen, die in Esperanto slechts een technisch hulpmiddel zien. Inderdaad is het niet slechts het stuk taaltechniek, dat ons bij het spreken en schrijven en lezen van Esperanto in vervoering brengt. Of de N.K.-voorzitter nu zijn geloofsgenoot afkeurenderwijs tot een aanhanger van de „interna ideo" of „homaranisme", stempelt, zijn opponent voelt terecht in het Esperanto een „isme", dat hem bezielt, dat hem tot een ijverig en idealistisch propagandist doet zijn.

N.K. houde zulke ijveraars in ere, en make ze niet verdacht ten nadele van eigen en ons aller zaak. Te dien aanzien zij den N.K.-voorzitter de lezing aanbevolen van „Flandra Katoliko" van Sept.-Oct. '46, waarin een uitstekend propaganda-artikel men titels leest als „Idealisten voor!" en „Esperanto een verheven ideaal".

## 20-a KONGRESO DE S.A.T.

La 20-a SAT-kongreso okazos de 2—7 Aŭgusto 1947 en AARHUS (Danio)! Sendube multaj gek-doj, kiuj dum la longaj militaj jaroj sopiris rekonstrui la rilatojn kun siaj amikoj trans la limoj, kun ĝojo legos ĉi tiun komunikon. Post sep mallumaj jaroj en 1947 do ree laboristaj esperantistoj kunvenos en internacia kongreso.

La situacio en la internacia trafiko ankoraŭ tute ne estas normala, ni scias, sed espereble tio iom post iom pliboniĝos. Ĉiuokaze ni jam nun esploras la plej malmultekostan vojaĝmanieron al Aarhus.

Gek-doj, en 1939 ni spertis, ke la danaj kamaradoj povas bonege organizi internacian kongreson. Ni helpu ilin per frua aliĝo. Eĉ se vi ne jam estas tute certa, ĉu vi povos efektiviĝi vian intencon ĉeesti la 20-an SAT-kongreson, vi tamen jam aliĝu kaj pagu vian kongreskotizon. Se eventuale vi ne povos efektive iri, nu vi almenaŭ finance helpis en la sukceso de la kongreso!

La kongreskotizo estas: Por SAT-anoj *f* 7.80 por ne-SAT-anoj *f* 9.60. Tiuj, kiuj aliĝos antaŭ la 1-a de junio 1947 pagos nur: *f* 6.— por SAT-anoj kaj *f* 7.80 por ne-SAT-anoj. Oni povas aliĝi ĉe k-do C. van Essen, Floretstr. 10, Rotterdam-Zuid, al kiu vi ankaŭ povas pagi vian kongreskotizon (per poŝtmandato).

*Gek-doj, unu el la plej bonaj manieroj por praktiki Esperanton estas la vizito al internacia kongreso. Ĉeestu la unuan postmilitan kongreson de S.A.T. Aliĝu tuj!* *C. v. E.*



## BESTUURS MEDEDELINGEN

**VACATURE.**
Onze bestuurder k-do de Vries heeft op advies van zijn arts zijn werkzaamheden in ons bestuur moeten opgeven. Distrikt Amsterdam is verzocht in de vacature te voorzien.

**RADIO.**
Op 14 Dec. a.s. 16.25—16.40 is onze uitzending voor de Vara, gewijd aan dr. Zamenhof. Spreker: W. F. Kruit. Declamatie: A. L. de Bruyn.

**INTERKONTAKTILO.**
Wij verzoeken afdelingen en districten thans zo spoedig mogelijk de in onze Interkontaktilo van October gevraagde gegevens te verstrekken.

**BETALINGEN LIBRO-SERVO.**
De leden worden verzocht hun betalingen vóór 31 December te doen. Het overzicht wordt daardoor vergemakkelijkt, en er is minder tijd nodig voor de afsluiting der rekeningen.

**CONTRIBUTIEFACTUREN 3e KWARTAAL 1946.**
De contributiefacturen over de maanden Juli, Augustus en September zullen nog door den bondspenningmeester verzonden worden.
Daar enkele districten, reeds voor de betaling der contributie, over dit kwartaal een regeling troffen met de betrokken afdelingen, worden de contributiefacturen voor deze afdelingen aan hun district toegezonden. Voor zover afdelingen uit deze districten aan den bondspenningmeester betaald hebben, wordt dit op de facturen vermeld.

**KISTEN GEVRAAGD.**
Welk lid-timmerman kan ons een aanbieding doen voor levering van 2 stevige houten kisten, ongeveer 50 cm. lang, 35 cm. breed en 35 cm. hoog, afgedekt met een scharnierend deksel, voorzien van een stevig slot? Deze kisten moeten dienen voor de verzending van de door ons in te richten reizende bibliotheken.

**K-do de Vries forlasis la estraron.**
Subite trafis nin la informo, ke nia Asocia estrarano Foeke de Vries, pro sia malboniĝinta sanstato kaj sekve de konsilo de kuracisto, sentas sin devigata eksiĝi el nia estraro, ĉar li bezonas almenaŭ kelkajn monatojn por ripozi. Estas grava domaĝo, ĉar de Vries okupis sin per la propaganda kaj gazetara servo, fako kiun li ŝatis kaj kiun li klopodis pli kaj pli perfektigi. La amasiĝo de la laboroj certe trafis liajn nervojn. Ni perdas en li helpopretan kolegon, kaj nia asocio malfacile anstataŭeblan estraranon. Jam antaŭ la milito k-do de Vries eniris la estraron kaj jam dum la milito li apartenis al la kunlaborantoj por restarigo de nia organizo.
Ni esperu, ke la ripozo efikos baldaŭan resanigon, por ke li estonte denove, laŭ siaj fortoj, povu kunlabori en nia de li tiom ŝatata movado.

**EL LA ESTRARKUNVENOJ.**
Konciza raporto pri kelkaj sinsekvaj kunvenoj. Ni klopodis aperigi en L.E. la programon pri Esperanto-elsendoj de diveresaj Radio-stacioj, sed malsukcesis, ĉar la koncernataj stacioj ne respondas niajn petojn. Transpreno el aliaj, internaciaj gazetoj ne kontentigas ĉar la elsendoj ofte ne okazas laŭ la antaŭe fiksitaj programoj. La adresilo kun platetoj estas pretaj; la anaro do povos baldaŭ denove atendi L.E. individue. Akceptita estis propono por fondi Asocian bibliotekon. Kun Ĉeho, Pelsman, ni korespondas pri prelegvojaĝo en Nederlando. N.C.K.E. akceptis proponojn niajn pri komerca adresaro kaj pri raporto koncerne la Esperanto-movadon en Nederlando. Por la ekzamenoj estas kompilata speciala ekzamena Krestomatio. K-do van Haren vizitis Heerlen por ordigi aferojn koncerne nian estontan Kongreson. Novaj libroj estontece estos eldonataj sub la nomoj de nia Asocio kaj S.A.T.
Laŭ kuracista ordono k-do de Vries devos eksiĝi el nia Estraro, pro kio ni bezonos anstataŭanton kaj eble kelkajn helpantojn. La Asocio denove aliĝis al la Ned. Jeugd Herberg Centrale, kio signifas, ke nia asocio rajtas uzi tiujn domojn i.a. por semajnfinoj. Eble precipe nia Junular-Movado povos profiti tion. Momente ni havas 1100 F.L.E. geamikojn, kiuj kontribuas pli ol 500 guldenojn. (Kial ne ĉiu sekcio jam anoncis la rikolton?). La Estraro okupis sin pri la donacita partituro de nia sveda k-do Rosell, sed ĉi afero ankoraŭ ne solviĝis. Pro la nuntempaj altaj kostoj, ni povos liveri kromnumerojn de L.E. nur se oni pagas ilin. Kun starigota Esperanto-instanco, nur por fervojistoj, ni momente interrilatas, ĉar en la estinteco la fakaj grupoj nin ne kontentigis. D.K.

---

## INSTRUA SERVO F.L.E.

Er kunnen nog deelnemers ingeschreven worden voor onze schriftelijke cursussen.
**Beginnerscursus:** 30 wekelijkse lessen met gratis leerboek en woordenboekje. Totaal f 10.—.
**A-Cursus:** 10 maandelijkse lessen. Voor leden van de Bond van Arb. Esp. F.L.E. f 7.50. Niet-leden f 12.50.
**B-Cursus:** 12 maandelijkse lessen. Voor leden f 10.— en niet -leden f 15.—. Voor A en B plus eventueel benodigde boeken.

## DE LA GAZETARSERVO

En la kvin monatoj, de majo ĝis oktobro, multaj gazetoj enpresigis ion pri nia movado. Jen sekvas la listo. (sen mencio = 1 ×).
A. G. T. Nieuws; Amersfoortsche Courant 3 ×; Amersfoortsch Dagblad; Bellamy-Nieuws 3 ×; Bilthovensche Courant; Blauwe Schakels, regula rubriko; Dagblad voor Amersfoort; Deventer Courant; Eindhovensch Dagblad; Geldersch Dagblad; De Gids; Grafisch Bedrijf; Hengelosch Dagblad 3 ×; Kennemer Koerier 5 ×; Mededelingen (I.V.A.O.); Nieuw Spoor; Nieuw Utrechtsch Dagblad; Schager Courant; Ons Orgaan (de la ministoj); Ons Orgaan (EVC) regula rubriko; Op Korte Golf; De Opstanding; Paraat 2 ×; Het Parool 3 ×; Prov. Zeeuwsche Courant 2 ×; Reflector; Rivierenwijk, regula rubriko; Rotterd. Nieuwsblad; Het Schoolblad; De Schoolknuppel, regula rubriko; Spartacus; De Stampert; De Tempelier, regula rubriko; Trouw; Twentsche Courant; De Typhoon 4 ×; De Uitkijk 1 ×; Utrechtsch Katholiek Dagblad 1 ×; Utrechtsch Nieuwsblad; De Vakbeweging (anonco); Het Veilig Spoor; De Vlam; Volksonderwijs; De Vrije Socialist, regula rubriko; Vrije Twentsche en Achterhoeksche Courant 6 ×; Het Vrije Volk 9 ×; De Waarheid 30 ×; Werkend Nederland; W.K.F. Nieuws; De Zaanstreek; Zwolsche Courant. fdv.

**NOVAJ PROPAGANDILOJ.**
De nia membro W. Borsje el Rotterdam, ni ricevis jam antaŭ longe kelkajn skizojn esperantigitajn pri la rekonstruo de Rotterdam. Ĉar ili tre plaĉis al ni, ni petis al Borsje ĉu estos eble havigi ion tian por nia propagando. Tuj k-do Borsje entuziasmiĝis kaj pretiĝis belegan materialon por ekspozicioj. Bedaŭrinde la tabuloj estas tro grandaj kaj multkostaj por aldoni al niaj ekspozicio-skatoloj. Tial ni uzis tion en ekspozicio de Amsterdam 3a. Tie ĝi altiris la atenton de ĉiuj vizitantoj. Kaj per tiu materialo ni povis fari bonegan propagandon. Ni esperas uzi la materialon en eventuala ekspozicio en Heerlen dum nia sekvontjara kongreso. De ĉi tiu loko ni kore dankas k-don Borsje pro lia sindonemo kaj laboremo por nia lingvo.
Nia sekcio Enschede okaze de la tridekjara ekzistado eldonis gazeton propagandan en 10.000 ekz. Bonega enhavo, verkita de multaj konataj personoj. Inter la kunlaborantoj ni trovis la nomojn de: la Enschedea skabeno por Instruado S. de Jong; Inspektoro de la elementa Instruado J. A. Sellenraad; la Honora Prezidanto de nia Asocio F. Faulhaber; Koos Vorrink; Edo Bergsma, iama urbestro de Enschede.
Nia sekcio sukcesis en la gazeto turni sin al ĉiuj, al kiuj ni kutimas direkti nian propagandon. Ni gratulas nian sekcion, ke eblis al ĝi aperigi tiom bonan propagandilon. fdv.

**RECENCO.**
*Relativisme en Dialektiek.* Schema ener filosofisch-sociologische grondslagenleer door G. Mannoury. Uitg. F. G. Kroonder, Bussum.
Een wetenschappelijk werk, waarvan de beoordeling buiten onze taak en onze bevoegdheid ligt. Wij vermelden het dan ook alleen, omdat aan deze studie een resumé is toegevoegd in Esperanto, waarmee de schrijver bewijst de grote waarde te begrijpen van het Esperanto voor de wetenschap, F.F.

**ANONCOJ.**
Esperantista Societo „Libereco" V. Glavaci-Vraĉansko, Bulgario, deziras personan kaj kolektivan korespondadon kun la tuta mondo pri ĉiuj temoj. Ivan Dimov.

—

Gustav Bjorlin, Nordhemsgatan 44B, Goteborg (Svedio) deziras korespondi pri ŝakludo.

—

Ŝakludanto deziras ludi ŝakon poŝtkarte. Elektu blankan kaj sendu la unuan movon al s-ro Gosta Larsson, Hjalmar Brantingsgatan 21, Goteborg, Svedio.

**La N.I.R. aranĝis Esperanto-Kurson.**
Montriĝu granda intereso ankaŭ en Nederlando! Nia klopodo bezonegas tiun helpon por esti definitiva! Nederlandlingvanoj skribu en nederlanda lingvo al N.I.R. Eug. Flageyplein, Elsene-Brussel.

GOUDA.
*19 Dec.* 7.30 h. en la lerneja salono Parolado de J. K. Scheepen: Vivo de Dr. Zamenhof kaj la interna ideo.

##  EL LA SEKCIOJ

SEKCIO: AMERSFOORT.

La 4an de novembro parolis k-do v. Haren el Amsterdam pri „La certeco de Nia Idealo". Estis tre klara kaj instrua parolado. Niaj konversacio-vesperoj estas lernigaj dum la lasta tempo. La vizitado estas kontentiga kvankam forrestas ankoraŭ multaj geanoj. Al ili ni forte instigas: vizitu ĉiun lundvesperon „Het Volksgebouw". P. Poort—Procee.

SEKCIO: SCHAGEN. „Kuraĝe Antaŭen".

Sekr.: Laurierstraat E 24.

La konversacio-vesperoj okazis ĉiun merkred-vesperon je la 7½ ĉe gek-doj Joon, Noord A 31.

Nia prez. Cor Joon kompilos interesan programon kaj lia edzino zorgas por bongusta taso da teo. Do gek.-doj sekciaj venu, venu ĉiuj; ankaŭ aliaj kaj **eksterlandaj Esperantistoj** estos ĉiam kore bonvenaj ĉe ni.

Dum la verda monato ni multe propagandis per anoncoj kaj artikoletoj en la lokaj gazetoj, per flugfolietoj, murafiŝoj, en festgvidilo de — kaj dum la granda ekspozicio en Schagen. Sed malgraŭ tio ĉi, neniu anoncis sin por nia komencakurso. Tial k-do J. W. — kiu preskaŭ tute resaniĝis — faris hejmvizitadon kaj varbis du dek gekursanojn por la kursoj en la O. L. lernejo. Jan Winkel.

SEKCIO: UTRECHT.

La inerteco de nia sekcio superis la en Utrecht normalan grandecon, preskaŭ ne jam antaŭe spertitan. Nia tuta „verda monato" malsukcesis. La rezulto de niaj anoncoj kaj flugfolioj estas nur kelkaj kursanoj. Tion kaŭzis ne nur la Utrechtanaro. Du gravaj funkciuloj en la estraro havis profesion kaj laborojn, kiuj postulas ilian tutan tempon. Tria k-do laciĝis kaj la ceteraj ne kuraĝis ekpreni la direktilon de nia sekcio. La ceteraj ne rajtas plendi, ĉar ili ne volas akcepti funkcion en la estraro, escepte de unu k-do. Necesas, ke kelkaj anoj decidu, ke tiu hontinda sinteno ĉesu. Ni bezonas fervorajn k-dojn kaj k-dinojn, kiuj daŭre volas okupi sin pri nia movado. Vi ne toleru, ke postenoj estas „okupataj" de k-doj kiuj, kiel subskribinto, ne povas dediĉi sian tutan tempon kaj energion al nia bela movado. Ĉu en Utrecht ne estas tiaj k-doj? Ĉu ĉe ni ne estas tiaj fanatiketaj laboristaj esperantistoj kies vivo estas plenigata de nia idealo? Ĉu ne eblas eduki tiajn valoregajn funkciulojn kiaj troviĝas en aliaj sekcioj? Gek-doj, konsciiĝu pri via celkonscia konvinko kiel laborist-esperantisto. Ne lasu vin delogi de nebulaj, nepraktikaj idealoj. Laboru kaj batalu por esperanto pro pli alta celo, la Socialismo! H. A. van Dijk.

SEKCIO: WILLEBROEK.

Sekr.: Appeldonkweg 37.

La verda monato pasis. Ni propagandis ĉie, kie ni povis kaj kun sukceso. Unue mi dankas la komunuman estraron de Willebroek, kiu disponigas al ni salonon por nia kurso en la knablernejo. Ĝi okazos ĉiun dimanĉon je la 10 h. ĝis la 12a. Al la kursanoj mi diras: Venu regule kaj faru viajn taskojn, por ke vi post la kurso fariĝu membro de nia granda Esperanta familio. Al la malnovaj membroj: vizitu regule la konversaciojn, kiuj okazos ĉiun merkredon je la 19.30 h.

Nia sekcio arangos letervesperon. Anonceto jam aperis en Sennaciulo. Ĉiu faru sian taskon. Cesar Daelemans.

SEKCIO: ZAANDAM. „Antaŭen".

Sekr.: Schubertstraat 18.

Kiel fino de la Verda Monato ni okazigis festan kunvenon, kiu bone sukcesis, precipe ankaŭ dank' al la kunlaboro de la amsterdamaj „Verdaj Steloj" sub gvidado de k-do Barbiers. Ĉeestis ± 200 personoj *inter kiuj kelkaj komunumestraranoj kaj pluraj instruistoj.* La urbestro, mr. J. in 't Veld, sciigis al ni, ke li pro okupeco ne povis ĉeesti, sed ke ni povas kalkuli je lia subteno por niaj klopodoj enkonduki Esperanton en la lernejo. Pro la propagando diversspecaj unuiĝoj organizis kursojn gvidataj de niaj membroj. En la popol-universitato partoprenas multaj, malgraŭ ke la kursmono estas sufiĉe alta.

Bedaŭrinde foriras pro tranloĝiĝo du el niaj fidelaj membroj, nome k-do Huysman, la loka libro-servanto kaj k-do Brinkman, iama kasisto. Ili ambaŭ helpis fortiĝi nian sekcion kaj tial meritas nian dankon. Feliĉe ni dum nia propagando bonvenigis diversajn novajn membrojn. Al kdoj Schoen kaj Breeuwer, kiuj jam longtempe estas en la malsanulejo kaj multe interesiĝas pri la bonstato de nia movado, ni sendis kaŭze de la festvespero frukto-korbon.

Niajn konversacivesperojn pli multe da anoj partoprenu. Ĉiuj venu *la 4an de decembro* je la 8a horo al Oostzijde 59.

Merkredvesperon *da 18an de dec.* k-do Brondijk pritraktos gramatikajn malfacilajojn. Anoj, kiuj havas problemojn, sendu ilin antaŭ la 15a al li, P. L. Takstraat 32, aŭ al ni.

SEKCIO: ZUILEN.

En la verda monato nia sekcio aranĝis ekspozicion, kiu plene sukcesis.

La materialo estis belege aranĝita.

Dum la malfermo ĉeestis 6 jurnalistoj, unu presfotografo kaj delegitoj de diversaj organizoj. Proks. 400 personoj vizitis nian ekspozicion. En tri jurnaloj oni presigis sufiĉe grandan artikolon pri ĝi; en la „Utrechts Nieuwsblad" eĉ sur fronta paĝo kun foto de la malfermo.La rezultato estas kurso kun **25 kursanoj** kaj du novaj anoj.

Ankaŭ niaj anoj en Maarssen fervore propagandis, kune kun kelkaj katolikaj esperantistoj. Ili enskribis ankaŭ **25 kursanojn.**

Je nia granda ĝojo ni konstatis, ke preskaŭ ĉiuj anoj partoprenis kaj propagandis dum la verda monato.

Karaj Gekamaradoj, nome de la estraro, koran dankon pro via fervora laboro, kiun vi faris por la disvastiĝo de nia idealo.

Ni daŭrigu. J. J. Lamordus, sekr.

##  EL LA DISTRIKTOJ

DISTR.: AMSTERDAM.

Sekr.: Pieter Aertszstraat 83.

*Zamenhoffesto* okazos la *21an decembro* en „de Leeuw", Valkenburgerstraat 149.Kunlaboros la „Verda Kabareto" kun nova programo. Originalaj skeĉoj. La salono estu plenplena. Ankaŭ komencantoj venu!

Aĉetu enirkarton ĉe via sekcio.

DISTR.: NORDHOLANDO.

Sekr.: C. Joon, Noord A 31, Schagen.

Venkis en la verda konkuro la loko *Oosthuizen,* sur geografia karto preskaŭ netrovebla! Tie loĝas 2 ĝeneralaj anoj de nia F.L.E., kiuj atingis ĉi-jare:

*Elementan kurson kun 21 gelernantoj*

kaj krome:

*instruon de Esperanto en la publika lernejo* en la superaj klasoj en la ordinaraj lernhoroj al 25 *infanoj.*

DISTR. LIMBURG.

La 27an de Oktobro okazis la distrikta kunveno. La ĉefpunkto, kiun ni pritraktis, estis la Zamenhofa naskiĝtago, kiun ni volas festi distrikte. Ni decidis festi ĝin en Heerlen. Teatrajo kaj deklamajoj por la festo estas pristudataj, kaj muzikon ni ankaŭ jam havas, ĉar k-do Willems, kiu estas muzikisto, zorgis por tio. Unuvorte: ĝi promesas sukceson!

La distrikta gazeto ankoraŭ ne povas aperi, pro manko de materialo. La sekr.

S.A.T. RONDOJ.

AMERSFORTO.

Nia rondo nun nombras 19-anojn.

Dimanĉe la 27an de oktobro, okazis kunveno, ĉe k-do van Houten. Ĉeestis nur 6 anoj, eble pro la malbona vetero. Diversaj temoj estas priparolitaj. La Sekretario S. v. Houten.

AMSTERDAMO.

Dimanĉon la *29an de dec.* parolados k-do W. F. Kruit pri „Internacia Movado" en „Lange Pier", Pieter Aertszstraat 106.